# Fenikso

**Forumo de esperanto nederland**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50. Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.



### ESPERANTO NEDERLAND

*Prezidanto:* vakas.

*Sekretario:* PROVIZORE uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen
Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emeldoorn. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monickendam; UEA-konto: esne-h.

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*:
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder; tel.: 0223-64 37 81.


## Datolimo

**Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de aŭgusto 2015. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.**

## ENHAVO



## Ĉe la frontpaĝo

**En la pasinta numero de FENIKSO pro miskompreno aperis (p.7) malĝusta foto pri la Esperantomonumento de Texel. La nuna kovrilo montras fotojn el majo pri la nuna situacio. Vidu la koncernan artikolon de Ineke Emmelkamp en ĉi numero.**

## De via redaktoro

**Antaŭ kelkaj numeroj en FENIKSO mi parolis pri s-ro J.M. Mabesoone, pri kiu eĉ foton mi ne konis. Nun de la Kataluna Esperanto-Asocio mi ricevis du fotojn el 1961, kiujn mi metis sur Facebook: tie li parolas por loka radio-stacio. Paleontologo d-ro Crusafont prezentas la gaston, kaj poste s-ro Llibert Puig interpretas.**
**En la nuna numero vi vidos ege koncizan impreson pri nia Jarkunveno – kun kelkaj fotoj. Tie vi vidas librojn de la Libroservo, revuojn ricevitajn, alvenantan membraron, estraron, ktp ktp. La Jarkunvenon protokolas Madzy van der Kooij.**

**Ĝuu ĝin.**
**Gerrit Berveling**



## DE LA ESTRARO

***1] Het Esperanto-Monument op het eiland Texel***

*In de zomer van 2013 kreeg ik te horen dat de omgeving van het Esperanto-monument op Texel er niet zo mooi uitzag. Fietsen werden her en der tegen het monument aangezet. Het zag er slecht en onverzorgd uit. Vlak voordat ik naar het Universala Kongreso in Rejkajvik vertrok heb ik nog een brief geschreven aan de gemeente van Texel om te vragen wat ze aan deze situatie zouden willen doen.*
*Ik stuurde ook de brochure mee die destijds werd gemaakt nadat het monument was opgeknapt. Ik wilde laten blijken dat wij - als vereniging Esperanto Nederland - er veel belang aan hechten dat het monument met respect behandeld zou worden. Marijke en Vinus Lathouwers (uit Den Helder) hadden de slechte situatie gezien en ondersteunden de actie van Esperanto Nederland.*

*Het heeft heel wat mailtjes en telefoontjes gekost en veel correspondentie met vertegenwoordigers van de gemeente Texel. Esperanto Nederland werd uitgenodigd om deel te nemen aan informatieavonden, maar helaas lukte het niet om een vertegenwoordiger daar heen te laten gaan. Ik schreef dus maar weer een brief met allerlei argumenten om goed voor 'ons' monument te zorgen!*

*Uiteindelijk lag er een goed plan, maar helaas duurde het wel weer een paar maanden voordat het uitgevoerd werd. Dit leverde stress op bij een aantal mensen! Gelukkig kon de gemeente beloven dat de werkzaamheden, zoals was afgesproken, na de wintermaanden uitgevoerd zouden worden. En zo geschiedde! In maart 2015 kreeg ik bericht dat alles volgens plan was uitgevoerd. Ik heb de gemeente bedankt voor dit uitgevoerde plan.*

*Op de voorzijde van deze Fenikso staan de nieuwste foto's: het gras moet nog wat groeien (maar ondertussen zal er wel een mooi groen veldje liggen)! De fietsenstalling ligt nu op enige afstand van het monument en wordt afgeschermd door heggen (die hopelijk ook nog wat groeien).*

*Zo zie je maar weer: een landelijke vereniging heeft zijn nut!*

*Ineke Emmelkamp,*
*namens bestuur Esperanto Nederland*

***2] Mutaties in het ledenbestand***

*Overleden*
*S-ro W.Cortus*
*S-ino S.van Westrhenen (2013)*
*S-ro H.Bakker*



*Nieuwe leden:*
*S-ro J(ohannes) Nellestijn, Nijmegen*
*S-ro N(anne) Kalma, Burgum*
*S-ino A(nkie) v.d. Meer, Burgum*
*S-ro J(oost) Franssen, Utrecht*

*Adreswijziging:*
*S-ino A.Oosterwijk-Dominicus, Heinkenszand*
*S-ro J.Smolders, Eindhoven*
*S-ino M.Denz-Mijnsbergen, Middelburg*

*E-mailadres:*
*S-ino A.J.Korfage-de Jong:*
annekeenkoos@gmail.com
*S-ino G.Volders:*
gretavolders@ziggo.nl
*S-ro K.Donker:*
annkar@upcmail.nl
*S-ino H.W.F.v.d.Bijl-Koopmans:*
hilbrandenfelica@telfort.nl
*S-ro I.Onet:*
beronet@hotmail.com
*S-ro J.Muller:*
muller42@zonnet.nl
*S-ino C.F.Kalsbeek:*
cf.kalsbeek@caiway.nl
*S-ro M.A.Sanchez:*
nl177114824@tele2.nl

***3] Vervolg op de Brainstormdag***

*In februari hebben we een brainstormdag gehouden, waaraan door velen actief is meegewerkt.*
*Daar zijn dan ook veel actiepunten uit voortgekomen.*
*Op de jaarvergadering van 13 juni zijn we daarmee verder gegaan, door aan te geven, welke actiepunten de meeste aandacht verdienen en waar we mee verder moeten. Met "we" bedoelt het bestuur uitdrukkelijk niet zichzelf noch de commissie van drie, die de tweede dag voorbereidt.*

**"We" zijn alle actieve leden van Esperanto Nederland, die willen, dat de vereniging blijft bestaan en dat Esperanto verspreid en gebruikt blijft worden.**

*Op 10 oktober gaan we verder, in de Kargadoor, van 10:30 tot 16:00.*

*Het is de bedoeling, dat de actiepunten dan ook écht ter hand worden genomen en worden uitgevoerd. Voor een lunch wordt gezorgd.*

*Het bestuur nodigt u dus van harte uit, om op 10 oktober aanwezig te zijn en ook daarna enige inspanning te verrichten.*

***Graag opgeven bij Arjen-Sjoerd de Vries, asdv2@planet.nl***
*Namens het bestuur van Esperanto Nederland.*

*4] Zie ook het artikel elders: Kio sekvas post nia "Brainstormdag".*

# EL MIA LETERKESTO

**1] Rumana literaturo en Esperanto**
Okaze de la Nacia Festivalo de la Libro "AXIS LIBRI", Galaţi (Galaco), 27 de majo-1 junio 2015, la Distrikta Biblioteko-Galaco nomata V.A. Urechia kaj la Distrikta Muzeo-Olt organizis prelegojn kaj ekspozicion kun la titolo "Literatura română tradusă în Esperanto" *(Rumana literaturo tradukita en lingvo Esperanto)* . Prelegis pri tio s-roj univ.-docento Jozefo E. Nagy, muzeografo d-ro Doru Neagu, inĝ. Marin Vochin kaj biblioteka vicdirektorino, s-ino Letiţia Buruiană.
Post la prelegoj, la ĉeestantoj ricevis informojn pri Esperanto kaj la esperantista movado.

Raportis Marian Vochin

**2] Jam 25.000 lernantoj de Esperanto ĉe Duolingo (Reta lingvolernejo kun cent milionoj da lernantoj)**

Ĉi-matene [11 jun 2015] la Esperanto-kurso por angle-parolantoj en la lingvolerna retejo Duolingo atingis 25 000 lernantojn. Tio estas fulmrapida evoluo dum nur du semajnoj ekde ĵaŭdo, 28-a de majo.

**La 14-a lingvo, kiun Duolingo instruas**

Ĉu vi vere pretis kredi tion, kiam unue la iniciatinto de Duolingo, Luis von Ahn, en prelego flanke menciis antaŭ tri jaroj, ke homoj petadas Esperanto-kurson? Kiam poste estis voĉdonadoj, kiu lingvo aldoniĝu, kaj Esperanto estis pli kaj pli favorata...
Kiam fine en septembro 2014 internacia teamo sub gvido de Chuck Smith kaj Ruth Kevess-Cohen komencis adapti la Duolingokurson al Esperanto... Sed ja okazis!

**La kurso fulmrapide kreas Esperanto-parolantojn**
Fakte la kurso allogas ne nur lernantojn - ĝi eĉ kreas verajn Esperanto-parolantojn post kompleta tralaborado de la ekzercoj. Rigardu ekzemple la intervjuon kun la nederlandanino Marijke post ses tagoj da lernado, (https://www.youtube.com/watch?v=ClKNspptp-o)

La prezidanto de TEJO, Łukasz Żebrowski, komentas:

– La nombro de eklernintoj de Esperanto en Duolingo estas vere impona! Ni aŭdis, ke estis multaj petoj al Duolingo pri Esperanto, sed ni ne supozis, ke la interesiĝantoj tiom rapide iĝos realaj lernantoj.

**TEJO aparte prizorgos la kursopartoprenantojn:**
– Al ĉiuj, kiuj pretas provi sian lingvokonon, ni ĝojas sendi ciferecan (=bitan) numeron de nia socikultura revuo *Kontakto*. Ni tre ĝojas, ke ni povas kontribui al ĉi tiu sukceso, kaj ni invitas ĉiujn daŭrigi sian aventuron kun Esperanto!

Legu plu ĉe
http://www.liberafolio.org/jam-25-000-lernantoj-de-esperanto-ceduolingo
amike, Lu Wunsch-Rolshoven

**3] Jen la informoj pri la stando en la Harlema biblioteko**

*Op 29 augustus vindt weer een cursusmarkt plaats in de Haarlemse bibliotheek, van 10-16 uur. Tijdens de markt zijn er ook proeflessen gepland in zaaltjes in de bibliotheek. Esperanto Nederland, afd. Haarlem, zal op de cursusmarkt aanwezig zijn en ook proeflessen verzorgen. De cursusmarkt vindt plaats in het gebouw op het Doelenplein in Haarlem.*

Je la 29a de aŭgusto okazos foiro pri kurseblecoj en la Harlema biblioteko.Esperanto Nederland tie havos informstandon kaj ankaŭ prezentos provlecionojn pri Esperanto en iuj salonoj de la biblioteko. La foiro okazos de la 10a ĝis la 16a horo en la centra biblioteko, Doelenplein, Haarlem.

Bert de Wit

4] Ĉi-kune mi sendas **kopion de letero, kiun mi sendis al la estraro de la komunumo Tholen**, post ekscio pri personaj kontaktoj de enloĝantoj de Tholen kun urbo en Pollando. Mi legis tion en gazeto, kaj ankaŭ ke estas lingvaj problemoj. Mi rekomendis uzi Esperanton.

S.P. (Simon) Smits



**5] Urbo kune**
Je la 6a kaj 7a de junio (dum 25 horoj) okazis evento en "Muziekgebouw aan het IJ" (muzika centro en Amsterdamo, apud la haveno) sub la titolo Urbo Kune.
Laŭ la gazetaraj komunikoj tio estas traduko de "een gemeenschappelijke stad" (Komuna Urbo). La evento estis miksaĵo de muziko, opero, prelegoj, arkitekturo kaj pensado pri la urbo de la estonteco. Parolintoj kiel urbestro Eberhard van der Laan, verkisto Arnon Grunberg, arkitekto Francine Houben, sed ankaŭ diversaj muzikantoj de i.a. Klangforum Wien kaj la muzika teatra kompanio Netzzeit kontribuis al la programo.
Kial oni uzis Esperanton por la titolo de la evento, oni povas dedukti el la Manifesto de QUER, grupo kiu tre interesiĝas pri la arkitekturo kaj la vivo en la urba spaco. Ideoj el la manifesto temas pri kiel aspektos la estonta ĉefurbo de la unuiĝintaj ŝtatoj de Eŭropo. Supernacia, multkultura, ne teritoriligita. Laboratorio kaj prototipo de nova Eŭropa ĉefurbo. La vorton utopia oni ne malŝatas kaj eksperimentado estas tute konvena.
En Klosterneuburg (Aŭstrio) simila evento okazis je la 23a kaj 24a de majo pasintaj. Ĉi tiu urbo konata estas kiel Urbo de Popola Interkompreniĝo.
Estas interese ke en ĉi tiu kazo grupo da renovigantoj elektas titolon kiu baziĝas sur Esperanto kiel neŭtrala lingvo. Alia ekzemplo kiu famiĝis en 2013 estis la uzado de Esperanto en ekspozicio de belga artisto Thomas Bellinck titolita "Domo de Eŭropa Historia (devus esti -o!) en Ekzilo".
Evidente multaj homoj vere konscias pri la fakto ke nacia lingvo ne taŭgas por alstrebi kulturan egalvalorecon inter la popoloj. Tio estas bona elirpunkto por la aktivaĵoj de ni, Esperantistoj.

Bert de Wit






strando
sablo trudĝena
inter miaj piedfingroj
prefere rekte eniri ŝlimejojn:
Vadpromenado

Fotoj ricevitaj de Esperanto-Asocio Kataluna.
Sur la fotoj de 21a de aprilo 1961 oni vidas s-ron J.M. Mabesoone, kiu parolas ĉe loka radio-stacio.
Prezentas lin eminenta loka paleontologo d-ro Crusafont, kaj interpretas s-ro Llibert Puig.

## KIO SEKVAS POST NIA “BRAINSTORMDAG”?

*Gedurende de Algemene Ledenvergadering van Esperanto Nederland (korte impresie elders in dit nummer) werd de onderstaande lijst van mogelijke aktiepunten voor de nabije toekomst uitgereikt. Iedereen wordt gevraagd ze goed door te nemen en de drie punten, die u het meest urgent én haalbaar acht, door te geven aan asdv2@planet.nl*

### In actie voor Esperanto Nederland
### vervolg op de brainstormdag

***De volgende vragen zijn geformuleerd als hoe-vragen. Besteed echter bij de discussie en beantwoording ook aandacht aan het wie en het wat!***

*1. Hoe kunnen Esperanto Nederland en NEJ samenwerken op het gebied van hun tijdschriften (Fenikso en NEJ Nieuwsbrief)?*
*2. Hoe moet de werving en opleiding van nieuwe Esperanto-docenten worden aangepakt?*
*3. Wat zijn de doelen en doelgroepen van Esperanto Nederland? Hoe gaan we deze doelgroepen benaderen?*
*4. Hoe kan het propedeutisch effect van Esperanto bij de buitenwacht bekend worden gemaakt?*
*5. Welke mogelijkheden zijn er vandaag de dag nog voor Esperanto in het onderwijs? Hoe gaan we deze benutten?*
*6. Hoe kunnen we Youtube inzetten om filmpjes over Esperanto te verspreiden?*
*7. Er zijn meerdere argumenten die voor Esperanto spreken: economisch, taalkundig, cultureel, politiek, ecologisch... Hoe kunnen we de website van Esperanto Nederland gebruiken om deze argumenten te bepleiten?*
*8. Hoe kunnen we via Esperanto meer bekendheid geven aan literatuur uit taalgebieden die in Nederland nauwelijks bekend zijn?*
*9. Hoe kan Esperanto Nederland zich manifesteren naar de buitenwereld toe via sociale media?*
*10. Welke organisaties buiten de Esperanto-wereld moeten we als Esperantisten “infiltreren” en hoe pakken we dat het beste aan?*
*11. Bij welke organisaties zou Esperanto Nederland zich kunnen aanbieden om een lezing te geven of een programma te verzorgen?*
*12. Hoe kan Esperanto Nederland contacten aangaan en verstevigen met verwante organisaties buiten de Esperanto-beweging?*
*13. Hoe kunnen we niet-Esperantisten kennis laten maken met voortbrengselen van de Esperanto-cultuur?*
*14. Hoe kunnen we de huisstijl van Esperanto Nederland consistenter en herkenbaarder maken?*

## FILMOJ RETE

1] Liven Dek proponas konatajn hispanlingvajn kantojn tradukitajn de li en esperanton: http://youtu.be/UDl-RMqENrxM
2] “La sonĝo de ridinda homo” de Fjodor Dostojevskij, prezentita de Leningrada Esperanto-Teatro, filmita en 1987 en Zagrebo.
https://youtu.be/Znv9NOj-jrY
3] Flama, Nguyễn Thị Phượng, prezentis sian landon Vjetnamio al partoprenantoj de la 74a Hispana Kongreso de Esperanto: https://youtu.be/-rixKjpez0M
4] Bone aprezata juneca, politika, turka filmeto en E-o kun anglaj subtekstoj: https://vimeo.com/13356766
Senmova
The story of two childhood friends, political activist Ismene and apolitical and naïve Effie… A dang…



***Masayuki Kuroda** (1909-1996) naskiĝis en Sakai (Japano), esperantisto de 1949. Li premiiĝis en la Belartaj Konkursoj. Lia poeta verkaro aperis sub la titolo «Lazur' kristala kaj pluv' susura» (originalaj kaj tradukitaj poemoj, 1978).*

| ANTAŬ LA MUZEO | VOOR HET MUSEUM (letterlijke vertaling) |
| --- | --- |
| **Sen son' subtile** | *Klankloos subtiel* |
| **pluvetas sur pavimoj,** | *motregent op straatstenen* |
| **laŭ briz' gracile** | *in de bries, graciel* |
| **burĝonaj plorsalikoj** | *uitbottende treurwilgen* |
| **trembrilas super fasĉinoj.** | *flikkeren boven takkenbossen.* |
| | |
| **Pluvet' tegolojn** | *Motregen felglazuurt* |
| **kolorajn helglazuras,** | *gekleurde pannen,* |
| **klaras pinpingloj** | *hel blinken pijnboomnaalden* |
| **en freŝa pura aer',** | *in frisse zuivere lucht,* |
| **en for' nebul' purpuras.** | *in de verte purpert nevel* |
| | |
| **Mi dronus lante** | *Ik zou traag verdrinken,* |
| **en foran feŭdepokon,** | *in verre feodale tijd* |
| **sur pont' gapante** | *gapend op een brug naar* |
| **herbriĉan riverfluon,** | *'n rivierstroom vol gras,* |
| **forgesus nunan nunon.** | *zou dit heden vergeten.* |
| | |
| **Jen grup' enpaŝas** | *Daar stapt een groep binnen* |
| **saltante sur flaka ŝlim',** | *springend op modderplas* |
| **en pluv' plifreŝas** | *in de regen oogt frisser* |
| **marblua uniformo** | *het zeeblauwe uniform* |
| **de l' pranca busgvidistin'.** | *van de paraderende busleidster.* |
| | |
| **Abrupte pompe** | *Abrupt pompeus* |
| **blondulinoj aperis,** | *verschenen blondinnetjes,* |
| **ssopranoj tempe** | *sopranen ritmisch* |
| **resonas gaje, buntaj** | *weerklinken vrolijk, bonte* |
| **ombreloj florfieris.** | *parasollen pronkten als bloemen.* |

---

**PRI LA TITOLO**

Kion sugestas tiu titolo?
Normale, eble, momenton da **atendo**° *wachten*
kaj ankaŭ da **atento**° pri kio aperos. *aandacht*
Samtempe ankaŭ eble silenton kaj kalmon?
Ne tro surprizige°, ĉar la vortoj mem *verrassend*
sugestas tiajn kondiĉojn.
Krome, ĝenerale la fasado° estas iom *gevel*
rigide solena°, eĉ kelkfoje *stijf deftig*
impona°. Ĝi pensigas pri kaŝitaj *imposant*
valoraj° trezoroj. *waardevol*

**PRI LA POEMO**

<u>Versoj 1-2.</u> **Sen son' subtile pluvetas sur pavimoj**
Kion sugestas la vorto '**subtile**'?
Delikate, en malfacile rimarkebla maniero.
Kiel efektas° jam tiaj du versoj? *effekt hebben*
Ili sugestas kalmon, delikatecon kaj ankaŭ la
susuran° sonon° de la *ruisend; geluid*
pluvgutetoj°. *regendruppeltjes*
Jen du versetoj rimarkindaj pro ilia bela **son-efekto:** la sonoj de la konsonantoj sugestas la dolĉan muzikon de falantaj gutetoj
*sen..son…su..     plu…vet…pav…*

<u>Versoj 3-5.</u> **laŭ briz' gracile burĝonaj plorsalikoj trembrilas super fasĉinoj.**
Noteto : la leganto imagu post la vorto briz' komon aŭ paŭzeton.
En kiu sezono okazas la situacio?
En printempo, ĉar la salikoj burĝonas.
Kio estas '**gracile trembrili**'?
Oni komprenu : en gracila, fajna, delikata maniero.
gracila : tre maldika (kp. magra: malgrasa)
Kio fakte estas **tremi**°? *beven, rillen*
**tremi** = *beven, trillen ;* tremeti = *bibberen, flakkeren;*
**tertremo** = *aardbeving.*
Jen bone konata vorto, kiu estas kvazaŭ-onomatopeo°. *klanknabootsing*
**Trembrili**= ?
la brilo tremas°, brilas per rapide *beven*
intermitaj° briloj, kiel la *onderbroken*
steloj°. *sterren*
Kio ekzemple povas trembrili sur (mar)akvo?
lumoj de ŝipo, de lumturo. Ili speguliĝas en la
akvo kaj trembrilas pro la ondoj°. *golven*
Kial oni nomas tiujn salikojn '**plorsalikoj**'?
Ĉar la folioj pendas° teren° *neerhangen;naar de aarde*
kvazaŭ ili estus tristaj kaj plorus.

Kion faras tiuj plorsalikoj en la poemo?
Ili gracile trembrilas sub la influo de…
la brizo.
Ĉu ili estas grandaj arboj?
Ĉiuokaze pli grandaj ol la fasĉinoj.
Relegante la versojn kun speciala atento pri la konsonantoj, oni preskaŭ povas imagi la tremadon° de branĉetoj kaj folioj.

**<u>Versoj 6-7.</u> Pluvet' tegolojn kolorajn helglazuras**

Pluveto estas kutime malagrabla detalo por iu, kiu marŝas surtrate, sed ĉi-kaze la koloroj, pli intensaj pro la pluvo, ĝojigas la vizitanton.

**<u>Versoj 8.</u> klaras pinpingloj**

Pro kio la pinpingloj 'klaras'?
Dank' al la pluveto ili brilas.

**<u>Verso 10.</u> en for' nebul' purpuras.**

Purpuras dank' al kio?
Do la suno devas tamen esti ie.

**<u>Verso 11.</u> Mi dronus° lante** *verdrinken*

Post dek versoj jen aperas la aŭtoro!
'Droni' estas perei° pro sufokiĝo° en akvo. *vergaan;stikken*
'lante' = malrapide

**<u>Verso 12.</u> en foran feŭdepokon°,** *feodaal*

Kiam estis tiu feŭdepoko?
En la mezepoko°. *middeleeuwen*
Kial la akuzativo ?
Pro la ideo, ke li penetras en tiun epokon kiel dronanto penetras en pli grandan profundecon.
Kial li nun pensas pri tiu epoko?
La muzeo eble povus temi pri la mezepoko.

**<u>Versoj 13-14.</u> sur pont' gapante herbriĉan riverfluon**

Ni do subite ekscias kie precize li staras.
Notinde estas, ke la verbo 'gapi' ne estas transitiva, ĝi do ne povas havi rektan objekton°. *lijdend voorwerp*
Normale oni diru 'gapante al…'

**<u>Verso 15.</u> forgesus nunan nunon.**

Kio estas la 'nuna nuno'?
Jen fakte ripeto de la sama ideo sub alia formo.
En poemo oni kelkfoje uzas taŭtologion por forte substreki ideon.
Kial la poeto emas perdiĝi en revado° pri la pasinteco? *dromerij*
Ĉu eble io en la ĉirkaŭaĵo inspiras lin?
Ĉu la malnovaj domoj kaj stratoj?
Ĉu la etoso° ĉirkaŭ muzeo? *stemming*

**<u>Versoj 16-17.</u> Jen grup' enpaŝas saltante sur flaka ŝlim'**

Kiel la poeto travivas° la alvenon de tia grupo? *beleeft*
La tono ne plu estas revema°. Pluraj vortoj rompas° la antaŭan etoson. *dromerig* *breken*
**saltante**: kion sugestas tiu vorto pri la grupanoj?
Ili saltas petole°, aŭ eble por eviti° la flakojn . Verŝajne ili ne estas maljunaj. *ondeugend* *vermijden*
Kial ne 'sur flaka<u>n</u> ŝlimo<u>n</u>'?
Laŭ la teksto ili jam estas en tiu ŝlimo, ili do ne saltas en novan lokon.

**<u>Versoj 18-19.</u> en pluv' plifreŝas marblua uniformo**

Rimarkinda estas la akustika efekto de kelkaj silaboj: **pluv'- pli – blu-.**
Kion ili povus sugesti al sentema° orelo? *gevoelig*
La sonon de la falantaj pluvgutetoj.

**<u>Verso 20.</u> de l' pranca busgvidistin'.**

Kia kontrasto inter la dolĉa, revema etoso de la antaŭaj° versoj kaj tiu ĉi lasta pro la apero de pranca busgvidistino. *vorige*

**<u>Verso 21.</u> Abrupte pompe**

Notinda akustika efiko de la vortoj! Post la revema etoso, jen ŝoko: ree al la moderna vivo!
**Pompe** estas: brile, solene. Ĉi tie, eble pro la cirkonstanco, bele vestitaj?

**<u>Verso 22.</u> blondulinoj aperis,**

Ĉu blondulinoj en Japanio? Kial ne?!
De kie ili alvenas? Ĉu eble el Usono?
**Aperis**: Jen subite verbo en la is-tempo?
Eble pro la pranca busgvidistino la observanto vidas nur nun, ke ili aperis?

**<u>Versoj 23-24.</u> sopranoj tempe resonas gaje**

De kie venas tiuj sopranoj ?
Evidente de la ulinoj, kiuj estas ege ĝojaj° pro la ekskurso°. *blij; uitstap*
**tempe**: laŭ ritmo, verŝajne laŭ marŝtempo.

**<u>Versoj 25.</u> Buntaj ombreloj florfieris.**

Kies ombreloj?
de la menciitaj blondulinoj.

Notu: ombrelo povas esti sunombrelo aŭ … pluvombrelo
'florfieris' =?
Ili fiere paradas, kvazaŭ ili estus floroj, imitante florojn.
Ĉu jen subite verbo denove en la is-tempo?
Ĉu ĉi tie eble pro la rimo?

**Resume**

Ni eksciis unue, en la unua kaj dua strofoj, ke la aŭtoro troviĝas en kalma strato kun arboj kaj ke pluvetas.
En la tria strofo li haltas sur ponto por ĝui° la spektaklon de la riverfluo. *genieten*
Lia meditado pri la pasinteco estas bruske interrompata pro la erupcio° kaŭzata per alveno de buso kun gajaj kantantaj blondulinoj, kiuj tre verŝajne intencas viziti la muzeon. *uitbarsting*

**Ĝenerala impreso**

Jen originala poemo ! Per malmulte da vortoj la poeto sugestas multfacetan mondon.
Aldone, precipe en la unuaj tri strofoj, la vortkombinoj plurfoje havas belan efekton..
La strofoj kaj la versoj estas mallongaj.
Tamen la poeto sukcesas krei variajn etosojn.

**PLIAJ KOMENTOJ PRI PLORSALIKOJ**

Kial <u>'plor-'</u> ?
Ili havas longajn, ĝis tero pendantajn, maldikajn branĉojn. Tiuj povas sugesti, pro la tremantaj folioj, plorantan personon.
Oni trovas la saman sugeston en aliaj eŭropaj lingvoj. Komparu:
nederlande: *wilg* , *treurwilg*
angle: *weeping birch, weeping willow*
germane: *Tränenweide, Trauerweide, Hängeweide*
france: *saule-pleureur*
Rimarkinda estas en tiuj lingvoj la tre forta fonetika sugestio pri plor(ad)o kaj falantaj larmoj° . Ĉu eble ankaŭ en la japana ? *traan*

Ni danku la plorsalikojn de la supre priparolita poezio, kiuj instigis° nin malkovri la Zamenhofan pripensadon pri ploro° . *aansporen* *geween*

**1) Amiko en ĝojo kaj ploro.**=?
Bona difino por 'amiko'. Do, en ĉiaj cirkonstancoj, bonaj aŭ malbonaj. Ĉu ne memkomprenebla? Ĉu jen laŭdo° aŭ riproĉo°? *lof;verwijt*
Kiam la proverbo povus esti averto°? *waarschuwing*
Se la parolanto timus, ke la amiko ne kapablas alfronti° malĝojon. *het hoofd bieden aan*

**2) De plendo° kaj <u>ploro</u> … ne foriĝas° doloro.** *klacht* *verdwijnt*

Jen rimanta konstato aŭ ankaŭ konsilo° por diri ke… *raadgeving*
ne utilas plendi nek plori.
Per kio do tamen doloro foriĝas ?
Ĉu eble necesas distingi inter fizika kaj psika doloro?
Ĉu **plendo** kaj **ploro** ne povas havi psikan kvietigan efikon sur la nervojn?

**3) Ne helpas ploro al doloro.**

Sama ideo.
Jen bedaŭrinde prava° konstato. *juist, gegrond*
Kial bedaŭrinde?
Ĉar ploro ĝenerale ne kvietigas doloron (sed eble ja la nervojn?).
Kian bonan konsilon oni donu al suferanto?
Dependas pri kia doloro temas: ĉu fizika aŭ spirita/mensa/senta doloro?

**4) Fremda doloro ne kondukas… al ploro.**

Kion ni konkludu el tiu <u>objektiva</u> konstato?
Ĉu jen ne cinika ideo, ĉu eĉ ne iomete da kompato por fremda doloro?
Ĉu male temas pri realisma konstato ?

**5) Ĝemu kaj <u>ploru</u>, sed … ĝis fino laboru.**

Kian konsilon ni ricevas ĉi tie ?
Konsilo: kiom peniga° ia laboro estus°, unue finu ĝin kaj poste reagu … laŭplaĉe°? *hoe pijnlijk* *moge zijn* *naar believen*
Ĉu jen prefere ordonon ol konsilon ?

**6) Kion ni havas, por ni ne valoras, … kiam ni ĝin perdis, ni ploras°**

Ĉu la unua ideo estas la vero?
Ne ĉiam, sed la sperto° de la vivo ĝin eble sufiĉe ofte pravigas°. *ondervinding* *rechtvaardigt*
Aŭ almenaŭ ni diru, ke, kio estas memkompreneble nia, tio ne plu impresas nin kiel valora akiro?

**7) Ofte kantas la buŝo, kiam… ploras la koro.= ?**

Homoj ofte ne volas montri, ke ili estas tristaj.
Ili hontas montri siajn larmojn, ili pensas ke tiel ili kondutas infanece°. *zich kinderachtig gedragen*
Pro tio ili preferas ŝajnigi° esti *voorwenden*
feliĉaj°. *gelukkig*

**8) Ne sufiĉas ploro al … kreditoro.**
Alivorte, ne provu influi° lin. *beïnvloeden*
Tutmaniere la mono devas esti repagita.
Li tiurilate ne estas sentema, impresiĝema.
*In dat opzicht is hij niet gevoelig, niet vlug onder de indruk.*
Kial ne?
Aferoj kaj sentoj … aparte !

**9) Ne helpas plendo° nek ploro… kontraŭ kreditoro.** *geklaag*
Kial ne?
Se kreditoro havus delikatan koron, tiam li… rapide bankrotus°. *bankroet gaan*
Kio estas kreditoro?
Iu, al kiu oni ŝuldas ion.
Kaj debitoro?
Tiu, kiu ŝuldas; la ŝuldanto.

**10) Ploranton ni … evitas, ridanton ni … imitas.**
Ĉu vere ni estas tiom indiferentaj°? *onverschillig*
Ĉio dependas, eble, de la **ofteco** de la plorado ?
Iasence° ni povas kompreni ke *in 'n zekere zin*
homoj emas° eviti ion ajn, kio *geneigd zijn*
sugestas malĝojon.

**11) Rido matene,… ploro vespere.**
Dirinda kiaokaze°? *bij welke gelegenheid*
Ekzemple pri iu, kies humoro facile varias laŭ la okazo, do iu, kiu estas
**malegalhumora°**. *humeurig*

**12) Unu floras,… alia ploras.**
Jen konciza formulo por priskribi la diversecon en la destino° de ĉiuj el ni. *lot*

**Konklude**
Laŭ Zamenhof oni ne vidas la utilon de larmoj.
Liaopinie° ili estas tute sencelaj. *naar zijn mening*

***Amuzaj kromekzercoj***: *'bijoefeningen'*
*Ree klarigi kaj komenti la proverbojn;*
*b) Flue retraduki ĉiujn menciitajn nederlandajn vortojn.*

**TRADUKEKZERCOJ**

**Solvo de la antaŭa.**

1) (La) memoro estas kiel hundo, kiu kuŝiĝas kiel ĝi volas. (C. Noteboom).
2) Bildoj el la memoro estas tiom senutilaj kiom fotoj de manĝaĵo por iu, kiu malsatas. (R. Kousbroek).
3) Estas agrable resti en ies memoro, sed estas ofte malpli koste (pli malkare /pli ĉipe) esti forgesita. (K. Hubbard).
4) La forges(em)o faras pli grandan servon al la koro ol la memoro faras al la intelekto. (Fr. Mauriac).
5) La tempo kuracas ĉiujn vundojn, sed la cikatroj restas. (E. de Preester).
6) La bona malnova tempo estas la tempo, kiam niaj pragepatroj tiom multe suferis . (C. Buddingh).
7) Kio estas la futuro alia ol la pasinteco, kiu sin turnas en sia dormo?
8) La pasinteco ne estas post ni, kiel oni pensas, sed antaŭ ni. La ombro de tio, kio estis, streĉiĝas al ni: (tio) kio estas morta, ankoraŭ ekzistas kaj antaŭiras. (H. Bataille).

**Nova**

1) Kleine regen maakt grote plassen. *Veel kleintjes maken een grote.*
2) Na regen komt zonneschijn. *Na slechte dagen komen weer betere dagen.*
3) Van de regen in de drop komen. *Door het ontwijken van iets onaangenaams in een nog vervelender situatie belanden.*
4) Als het op de een regent, drupt het op de ander. *Wanneer het iemand goed gaat, profiteren daar ook vaak anderen van.*
5) Waar de rivier het diepst is, maakt zij het minst gerucht. *Hoogstaande mensen zijn bescheiden.*
6) Kleine rivieren maken een grote stroom. *Veel kleintjes maken een grote.*
7) De kortste liedjes zijn de beste. *Wat niet lang duurt, verveelt ook niet.*

(Prisma. Spreekwoorden verklaard).


Emiel Van Damme
Albert I – straat 44,
1703 Schepdaal


# REVUOJ RICEVITAJ

Atingis min lastatempe **La Revuo Orienta**. 1116, 1118, 1119, jan, mrt, apr 2015; min trafis ke aperis Esperanto-traduko La Konstitucio de la Regno Japanio. Estas bone, se io simila aperas – imitinde!; sciigo pri la venonta UK – en Lillo, raporto pri la 1a UK – en Bulonjo ĉe l' maro; **Jarlibro pri la Japana Esperanto-movado 2014; La Sago (Sat-Amikara Gazeto)**, jan-feb 2015: pri kongreso en Verdun'; pri forgesitaj militoj en Afriko; **Sennaciulo** 1-2, 3, jan-feb + mrt-apr 2015: Ĉu eblas esti maldekstrulo kaj riĉa? Sistemo de lerneja edukado en Pollando. For la nov-nikotinoidojn! Temdosiero = scienco; **Kontakto**, 266, 2015:2, Terurega tertremo en Nepalo, akvo – kiel grava temo tra la mondo; **La Espero** (el Svedio), 2015:2, junio, Kongreso en Upsalo, recenzo pri Homoj de Putin de Kalle Kniivilä; **La Brita Esperantisto**, 978, printempo 2015, bela rakonto "la neverŝajna esperantisto"; same ĉi tie recenzo pri Homoj de Putin de Kalle Kniivilä; la enigmo de Robin Hood; **AEU-Bulteno** (Andaluzia Esperanto-Unuiĝo), jan-mrt 2015: vizito de Hans Adriaansen al Andaluzio; **La KancerKliniko**, 154, apr-maj-jun 2015: daŭrigo pri Gilgameŝ, artikoleto pri amiko HuGuozhu plus kelkaj poemoj liatraduke; **Nova Irlanda Esperantisto**, 128, maj-jun 2015: artikolo pri Instituto Zamenhof en Togolando "eble la plej bona propagandilo por Esperanto ie ajn en la mondo"; **Esperanto aktuell**, 2015:2, Warum ich ein Esperanto und kein Esperantist bin – art. de Vinko Ošlak, Aktuelles Wissens- und Bedenkenswertes aus de Deutschen Esperanto-Bibliothek Aalen; **Esperanto** de UEA laŭ mi ne menciindas ĉi tie: ĉiu jam havas ĝin, ĉu ne? Tamen, post jaro – dum la Jarkunveno – kiam ĉiujn ricevitaĵojn mi ja kunportas, vi povos ekpreni ĝin…

# ESPERANTO PUBLIKE

Kara redaktoro,

Hierbij zend ik u voor de rubriek Esperanto publike uit het Sanders *Filippine puzzelboekje,* voorjaar 2015, nr. 42.
Vraag 1. Kunsttaal die wereldwijd door ca. 2 miljoen mensen wordt gesproken? Met negen letters.
De juiste oplossing weten wij natuurlijk wel! Esperanto was het goede antwoord.
Maar apart vind ik dat er "ca. 2 miljoen" bij staat.
Veel succes met de voorbereidingen.

Ars Heijstra-Valkering

Taal
1 Kunsttaal die wereldwijd door ca. 2 miljoen mensen wordt gesproken.
2 Zo noemt men iemand die veel talen spreekt.
3 Presentator van het wekelijkse radioprogramma 'De Taalstaat' (Radio 1). (5,5)




Post ja Jarkunveno – prelegas Said Mozaffari kaj harpludas Saskia Idzerda



# RAPORTAĴOJ

1] **El la estrarkunsido de NGGE, 29 majo 2015.**
NGGE promesis (morale, t.e. per malgranda sumo) subteni la plej gravan eventon de la jaro en la internacia instrua kampo: la Trian Tutmondan Kolokvon pri Esperanto-instruado en la mondo. Tiu iniciato de niaj svisaj kolegoj bedaŭrinde ne altiris intereson de nia registaro, kvankam invitita de la Kantono, do ŝtato!, Neuchâtel. En la junia "Esperanto" aperos raporto pri la Kolokvo.
Niaj komitatanoj en la 48-a ILEI-Konferenco en Oostende proponos, ke por ĉiuj kulturoj **estu kompilita listo de la plej gravaj pacedukaj, ekologiaj kaj homrajtaj literaturaĵoj.** Por la nederlanda ni komencis per 'Taglibro' de Anne Frank, 'Anne Frank ne estas de hieraŭ', 'Max Havelaar'. Se vi povas helpi kompletigi nian listeton, bv informi la estraron de NGGE.

Kun anticipa danko,
Rob Moerbeek
(moerbeekr@gmail.com)

2] **Pentekosta kultura spektaklo en Lejdeno**
Ĉiujare en Lejdeno okazas dum Pentekosta semajnfino kultura spektaklo. Dimanĉe la 24-an de majo unu el la eroj de tiu ĉi aranĝo estis prezentado de la plej fama **soneto 18 de William Shakespeare**. La scenejo de tiu prezentado estis lejdena subĉiela teatro „De Burcht".
La ideo estis de nederlandano Leo van Zanen, diplomita en la nederlanda lingvo, pli konata en Lejdeno kiel poeto. Li regule organizas prelegojn pri poezio kaj prezentadojn de liaj propraj verkoj aŭ verkoj de aliaj aŭtoroj.
Leo van Zanen elektis 12 tradukojn de la **soneto 18** kaj serĉis personojn kiuj regas la koncernajn lingvojn. Surprize li, kiel ne esperantisto, elektis ankaŭ la Esperanto-tradukon de la **soneto 18** de Reto Rossetti. Prezentis Jolanta van Holstein.
Multaj homoj de la publiko havis okazon aŭdi por la unua fojo la lingvon Esperanto.

**Soneto 18**
**de William Shakespeare**
*Esperantigis Reto Rossetti*
Ĉu mi komparu vin al tag' somera?
Vi estas ja pli bela kaj serena:
majflorojn ofte vipas vent' severa,
kaj tro maldaŭras la somero bena.
Jen, brogas la okulo de l' ĉielo,
jen vualiĝas ĝia vido ora,
kaj iam senbeliĝas ĉiu belo
laŭ voj' natura aŭ pro fat' rigora.
Sed jam ne velkos via plensomero,
nek dekliniĝos de l' beleco nuna;
la Morto vin ne tenos kun fiero,
se vin la vers' eterna gardas juna:
Dum homoj spiros kaj okuloj vidos,
vivante en vivanta vers' vi sidos.

3] **Nepalo per fremdaj okuloj**
De la 26a de februaro ĝis la 9a de marto okazis la 11a Himalaja Renkontiĝo en Nepalo. NESPA (Nepala Esperanto-Asocio) organizis ĝin. Entute estis proksimume 30 eksterlandaj partoprenantoj el tre diversaj landoj kiel Danio, Brazilo, Japanio, Rumanio, Bulgario, Svedio, Italio, Tajvano kaj Nederlando. Partoprenis pluraj dekoj da nepalaj geesperantistoj, kiuj parte ankaŭ kuniris dum la migrado tra la montaro. Ankaŭ novlernantoj partoprenis en la malfermaj kaj adiaŭaj ceremonioj.



Dum la ĉi-jara renkontiĝo la akcento estis je migrado tra la montaro, apud la urbo Pokhara, kiu situas 200 km okcidente de Katmanduo, la ĉefurbo. Tio ne signifas ke oni ne vizitis la ĉefajn turismajn lokojn en Katmanduo, male. La faman budhisman templon Svajambunat la grupo vizitis, samkiel la hindan sanktejon Pashupatinat kaj la malnovajn monumentojn kiuj apartenas al UNESKO-heredaĵoj en Patankvartalo de Katmanduo (Durbar placo kun temploj kaj palaco malnovaj). Oni vidis simiojn apud la ŝtupaoj, monaĥojn, la ceremonian bruligon de mortintoj apud la rivero Bagmati kaj sanktajn virojn. La simioj tute kutimis turistojn kaj eĉ se prezentiĝus oportuno, forprenus la sakojn de ili. Kaj ĉie estis vendistoj de memoraĵoj kiuj prezentis sian varon al turistoj. La kulturo de diversaj gentoj en Nepalo estas ne unueca, sed la homoj estas toleremaj kaj en la reala vivo regas iu mikskulturo.

La akcepto fare de nepalaj geesperantistoj estis tre kora kaj ilia gastamo akompanis nin dum la tuta vojaĝo.

La migrado okazis en pluraj etapoj, de la vilaĝo Birethanti tra Ghandruk, Tadepani al Ghorepani kaj revene per alia itinero. Estis rokvojoj tra la kamparo unue kaj poste tra la arbaro, grimpante la montojn. Pluraj partoprenantoj ne kutimis migri tra la montaro. Estis streĉa afero por ili, dum la nepalaj geamikoj lerte kaj senprobleme surgrimpis la montojn… Tamen ankaŭ ili ne kutimis la malsekan veteron en la komenco de marto. Dum la unua grimpa tago, de Birethanti al Ghandruk, en la posttagmezo la valoj pleniĝis de nuboj kaj ekpluvis ĝis la alveno en Ghandruk. Por kelkaj el la eksterlandaj partoprenantoj (brazilaj virinoj neesperantistaj) tio estis kialo por rezigni pri plua partopreno en la migrado. Ili restis en Ghandruk kaj poste iris al Pokhara kien la aliaj partoprenantoj poste revenis. Cetere estas konsilinde ne kunporti homojn kiuj nenion scias pri esperanto kaj tute ne volas komuniki per tiu lingvo, ĉar okazis kelkaj malglataĵoj pro tio…



Tiel malpli da kuraĝuloj daŭrigis la migradon, sur malsekaj, glitigaj padoj kaj poste, pli alte, tra la neĝo kiu falis dum la nokto. Ili migris en pluraj grupoj de diversa rapideco kaj akompanis ilin nepalaj spertuloj. Oni manĝis dumvoje en restoracioj kie oni ankaŭ vendis plej diversajn turismajn produktojn.Tie oni atendis ĝis la lasta grupo venis supren. Intertempe dumvoje, oni povis admiri la pejzaĝon kiu ŝanĝiĝis de agrikultura pejzaĝo kun terasoj al arbara kaj montara. Belaj panoramoj malfermiĝis al la okuloj. Ekfloris la ruĝaj kaj rozkoloraj rododendroj kaj oni flaris la parfumon de Dafno-floroj. Belegaj vidoj al la neĝkovritaj montoj (ekz. Anapurno) tra florantaj gigantaj rododendroarboj.

Kaj vespere oni manĝis en restadejoj dumvoje kie oni povis varmigi sin (kaj sekigi siajn ŝuojn kaj ŝtrumpojn) ĉirkaŭ simpla forno kiun oni hejtis per ligno el la arbaro. Mankis varma akvo kaj ankaŭ la manko de hejtado hardis nin kaj kutimigis nin pri la vivo en la alta montaro. Tamen kelkiuj malsaniĝis pro la pluvo kaj malvarmo kaj poste per ĉevalo daŭrigis.
La vetero pliboniĝis nur en la fina etapo malsupren. Tiam estis la 5a de marto kaj festotago, nome Holifesto, dum kiu oni ŝmiras la vizaĝon per belaj koloroj. Aŭ oni ĵetas koloran pulvoran al konatoj. La junularo ŝatas fari tion kaj ankaŭ en nia grupo multaj homoj havis koloron sur sia vizaĝo memore al la venko super la diino de la malbono. Nepalanoj laŭdire 80-% estas hinduoj, kaj cetere budhanoj kaj alireligianoj. Sed oni festas la memortagojn de ambaŭ religioj kaj oferas al dioj hinduaj samkiel oni lernas pri la instruoj de Budho, kiu naskiĝis antaŭ longe en suda parto de la lando. Tiun lokon cetere ni ne vizitis. Ni ankaŭ ne vizitis la konatajn naturparkojn en la suda parto, sed la naturo kiun ni vidis en la montaro estis ankaŭ tre impona kaj riĉa.

Sed ni jes pasigis belan tagon en Pokhara, iris sur la lagon kaj vizitis la insulan templon kaj krome vizitis la akvofalon de s-rino Devi kaj iom poste ankaŭ la groton (aliflanke de la truo de la akvofalo). La akvo boris tra la ŝtono kaj kirlomovoj videblas en la ŝtono. La internacia montara muzeo en Pokhara donas bonegan impreson pri la riĉecoj kultura kaj natura. Ekzemple oni vidas la tipajn vestaĵojn de diversaj triboj kaj gentoj, oni lernas pri la flaŭro (ekz. la rododendro-specioj) kaj faŭno, sed ankaŭ pri la geologio kaj la sekvoj de plivarmigo de la klimato, kio povas konduki al gravaj problemoj, i.a. pri akvoprovizado. Ankaŭ pri la teruriga neĝoviro, Jeti, oni povis lerni..

Dum la pasintaj 50 jaroj la loĝantaro de Nepalo multobliĝis 15-oble, kaj tial ne estas mirige ke oni provas kultivi ĉiun pecon de tero kiu estas disponebla. Homoj kiuj loĝas en la kamparo serĉas sian nutraĵon en la ĉirkaŭaĵo aŭ mem kultivas ĝin, ekzemple bananojn, rizon, terpomojn, pizojn, hordeon, k.s. Kamparanoj prenas sian lignon el la ĉirkaŭa arbaro por kuiri kaj por varmigi la simplan domon. Ili havas ankaŭ kaprinojn, kokinojn, bubalojn kaj poefagojn kies produktojn ili uzas. La Nepalanoj kutimas plejparte manĝi vegetare, do por mi estis agrable aparteni ĉi-foje al la "plimulto". Bovoj kaj bovinoj estas sanktaj bestoj kaj ne estas manĝataj; sekve oni trovas ilin ankaŭ en la mezo de urboj kie la ŝoforoj de aŭtoj , busoj kaj multege da motorcikloj devas eviti kunpuŝiĝon kun ili.

Oni vidas lernejojn, ankaŭ en la kamparo. Nepalanoj komercas kun Bharato (Hinda Unio) sed ankaŭ kun Ĉinio, kiu situas trans la altaj montpintoj (Tibeto). Turismo estas grava fonto de enspezoj.
Ne estas multe da industrio. Tial junaj Nepalanoj kelkfoje migras al aliaj landoj por serĉi laborpostenon. Tio povas konduki ilin al Bharato aŭ arabaj ŝtatoj, kie ili devas forte labori por vivteni sin (ili fakte estas ekspluatataj).

NESPA dufoje organizis ceremoniojn en la hotelo en Katmanduo kie la grupo restadis. Unue, por akcepti la eksterlandajn geesperantistojn. Kaj la duan fojon por adiaŭi. Esperantistoj el diversaj landoj fariĝis landaj reprezentantoj kaj esprimis siajn bondezirojn al la ĉeestantoj aŭ diris siajn impresojn pri la vizito al Nepalo. Dum la adiaŭa ceremonio la partoprenintoj ricevis ateston, ke ili partoprenis la migradon kaj ankaŭ vizitis Pun Hil, la monton de kie oni povas havi belan rigardon al la sunleviĝo kontraste kun altaj montopintoj kiel Anapurna kaj Dhaulagiri. Bedaŭrinde mi ne ĉeestis tiun frumatenan sunleviĝon, sentante min iom malsana (pro intesta protesto). Ĉiu partopreninto ankaŭ ricevis belan topi-ĉapon (tradicie nepala kostumo) kaj belan verdan ŝalon.

La foriro el Katmanduo ne iris tiel glate pro tio ke okazis en la antaŭa semajno akcidento en la flughaveno dum kiu TKA-maŝino (Turkish Airlines) alteriĝis parte en la herbejon anstataŭ sur la asfalton. Malgraŭ la fakto ke oficistoj en la kontoro de TKA asertis, ke ne estos problemo foriri lundmatene, kiam kvin el la partoprenintoj alvenis je la sesa kaj duono (la flugmaŝino forirus je la 8.30a h.), estis grandegaj vicoj kaj ŝajnis kvazaŭ la afero tute ne progresas. Ne estis iu sistemo en la maniero laŭ kiu oni allasis pasaĝerojn. Mi mem sukcesis post trihora vicado akiri enirbileton, pro tio ke aŭstraliano juna rezignis fine pri sia bileto (sed kial li do staris tri horojn en la vico??) kaj mi devis rapidi, eĉ sen havi la pruvon ke mia valizo estas metita en la aviadilon. Montriĝis ke mi estis la antaŭlasta kiu povis

eniri. Helga, nia sveda amikino, estis vere la lasta. Tiel ke tri el niaj geamikoj devis resti en Katmanduo por atendi venontan aviadilon. Mia aviadilo foriris kun prokrasto de 1,5 horoj tiel ke mi maltrafis postan konektan flugon al Amsterdamo. Sed mi uzis la tempon por finlegi la libron de Trevor Steele, *Foto-albumo II*, kiu donas interesan bildon pri la situacio en Aŭstralio dum la fino de la sesdekaj jaroj kaj la milito en Vjetnamio.

Al mi tre plaĉis la migrado en Nepalo, malgraŭ la malbona vetero kiun ni spertis. Sed estis grandioza la maniero laŭ kiu niaj gastigantoj malfermis Nepalon al ni. Koran dankon al ili kaj espereble mi ankoraŭfoje povas reveni.

Bert de Wit

PS. Mi ne estas la unua nederlandano kiu partoprenis Himalajan Renkontiĝon, ĉar antaŭe estis ekzemple Jeanette Bosse kaj se mi ne eraras ankaŭ Marijke van Erp kiuj partoprenis.

4] **Mallonga impreso pri la Jarkunveno – 13-jun-2015**

Nia grupo ĉi-foje estis iom malpli granda, sed tamen tre atenta: ni venis ja por la Jarkunveno kun ĉiuj oficialaj eroj, memorigo de mortintoj, protokolo, financoj, agadraporto ktp. Ĉio aperis, estis traktata kaj absolviĝis. Sekvis la eble plej grava ero: elektoj: Ineke fine fariĝis HONORA MEMBRO – kaj prave! Ŝi nun honore membras duoble – ĉe la junularo kaj ĉe ni. Restas en la estraro nur malgranda grupeto, kaj ni memortenu, ke baldaŭ ankaŭ Ralf retiriĝos kaj ne plu estos reelektebla. ***Do plej grava demando: kie restas la novaj membroj de la estraro?*** La fotojn mi ne faris dum la plej gravaj momentoj, ĉar mi provis ne ĝeni la kunvenon. Certe plurajn vi rekonos. Se vi mankas mem, eble ankaŭ ĉeeste vi mankis – aŭ sekvajare organizu fotonton kiu pli kapablas ol simpla mi. Mian eblon mi faris; – la posttagmeza programo enhavis mallongan historion de Esperanto en Irano, kaj koncerton de Saskia per sia harpo, pri kies historio kaj uzado ŝi ankaŭ faris klarigojn.

GB

## RECENZOJ

1] En 2014 aperis en Świdnik poemaro de Eqrem Bahsha, **La mondo estas pejzaĝo kun brilaj koloroj**. Tradukis Tomasz Chmielik kaj Bardhyl Selimi.
(ISBN 978-83-928740-6-5)
La poeto naskiĝis en 1948 en Debar, en Jugoslavio, kaj apartenas al la plej respektataj nuntempaj aŭtoroj en Kosovo, en kies ĉefurbo, Pristina, li studis lingvon kaj literaturon kaj ekde tiam loĝas. Li aperigis ok poemarojn, tri kolektojn da historietoj kaj multajn tradukojn, ĉefe el la franca.
Kun intereso kaj ĝuo mi legis la libron. Jen unu el la kelkdek poemoj:

**La balkana koncerto**

Malproksime ĉio muĝas kiel tondro
kaj proksime eksplodas fulme
frapas pluvo
ĵazo de popolaj tamburoj
proksime sinjoro
la koncerto de fulmoj
krakegoj de tondroj
disiĝas la ĉielo
en tri partojn
ĉiu forprenas sian bulkon
ne estas vienaj kukoj
egiptaj baklavoj
norvegaj omletoj
jen la amara pano de Balkanio
sinjoro
tio kion vi ne vidis
kaj tio kion vi ne konis
venis al via korto
kaj dancigas
la orkestron de la disonancoj
aŭdigas la simfonion de malamo
kun maĵora tonalo
opuso mil naŭcent naŭdek

Anneke Schouten-Buijs.

2] En 2014 aperis **Revenoj al Krynki** de Sokrat Janowicz ĉe Bjalistoka Esperanto-Societo kaj Podlaĥia Libraro Lukasz Górnicki.
Tradukis Tomasz Chmielik. Enkondukon pri la vivo kaj verko de la aŭtoro verkis Jerzy Chmielewski; postparolon "Kelkpense pri Sokrat Janowicz" verkis Adam Siemienczyk.
La libro enhavas serion de "sokratoj", skizojn pri la vilaĝo, kie naskiĝis la aŭtoro kaj pri Bjalistoko, kie li loĝis kaj laboris, kaj kelkajn eseojn-ideojn. Dum la sumoo-luktado mi legis kelkdek "sokratojn". Jen unu el ili:

**Falĉanto**.
La ĉielo blankarda. Ĉien, kien turni la okulojn, nur grenkampo.
Venis la rikolto-tempo.
Mi enspiras la odoron de pano. Sen rapidi mi deprenas de la ŝultro kaj akrigas falĉilon. La alaŭdo gloras altege mian laboremon – estas aŭdeble tra najbaraj vilaĝoj. Kiel la unua mi eliris sur la kampon.
La spikoj kun blankaj lipharoj riverencas profunde kaj petas: Falĉu, ĉar tempas! Ek, falĉu, ĉar tempas! La falĉo-tempo jam!
Kaj tiel ĝojigas min ilia matureco.

*Memoro*, pri juna virino kiu venas aŭtomobile por meti florojn sur la tombon de la avino finiĝas per "Super la densaj arbustoj ĉirkaŭe leviĝis nebulo. Sur la acera folieto, kiu alpremiĝis al la branĉeto de sovaĝa rozujo sur la kamporando, ruliĝis majesta aŭtuna larmo.La kampo rigardis per la okuloj grandaj kiel malĝojo. Kaj fariĝis solene."
Krome la libro enhavas kelkajn eseojn pri la popolo kaj historio de Belorusujo.
Malgraŭ kelkaj iom strangaj parolturnoj kaj lingvaj eraroj mi trovis la libron tre interesa.

Anneke Schouten-Buijs












Kelkaj fotoj dum la jarkunveno: Madzy van der Kooij protokolas, alvoko propagandi por la venonta UK, estraranoj...



## INVITOJ

1] *Librolegado en agrabla hejmeca etoso ĉe Gerrit Berveling kaj Madzy van der Kooij: jen invito partopreni: la 11an de julio, 11.00 h - 15.00h; se vi volas partopreni, bv sciigi nin rete gerritberveling@ziggo.nl aŭ telefone 070-213 4914. Ni planas ĉi-foje plulegi en la aŭtobiografio de Madzy: Kaj jen mi! Sufiĉe da ekzempleroj ĉe-estas. Tagmeze ni paŭzos por simpla pan-manĝeto kun iom da kafo aŭ teo.*

*Adreso: Van Vredenburchweg 435, 2284 TA Rijswijk.*

2] *Cultureel Herfstweekend* - **Kultura Semajnfino**

*In het najaar komt er een Klets- en Cultureel Herfstweekend, dat plaatsvindt op 30 oktober tot en met 1 november 2015 in Heerlen.*
*Zie de website http://www.esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php voor meer informatie.*

*En la ĉi-jara aŭtuno okazos de la 30-a de oktobro ĝis la 1-a de novembro en la urbo Heerlen la Klaĉ-Kultura Postsomera Semajnfino.*
*Bv. rigardi la retejon http://www.esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php.*

*la retejestro de /webmaster van Esperanto Nederland*

**3] Germana Esperanto-Kongreso:**

*Je Pentekosto – kiel kutime – nun 13a ĝis 16a de majo 2016 – okazos la 93a Germana Esperanto-Kongreso kaj samtempe la 125a jubileo de la Esperanto-Movado en Munkeno. Poste sekvos pli da informoj. Post 10-okt-2015 aperos reta aliĝilo sur la paĝo http://deutscher-esperanto-kongress.de/*

neem mee!

# Esperanto

## *zó op zak!*




ontdek een taal in één week!

Dit is een nieuwe brochure: ontdek hoe eenvoudig de taal in elkaar zit.
Wil je de folder zelf hebben? Hij is te downloaden op de website van Esperanto Nederland of te verkrijgen bij Esperanto Nederland, mail dan naar info@esperanto-info.nl

**info@esperanto-info.nl**

FENIKSO
20a jarkolekto, n-ro 3
julio - aŭgusto 2015

***Eventueel retouradres***
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenburchweg 435
2284 TA Rijswijk

**PTT Post**
Port betaald
Port payé
Pays-Bas